

# PENSEO

N-ro 217

Nov. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

# Ronkado de la Patro

**Wei Hong**

Pro tio, ke mi laboras en urbeto, mi malofte revenas al mia hejmloko en la kamparo. Iun tagon, mia patro telefonis al mi, "Hodiaŭ estas la 70-a naskiĝtago de via onklino. Ŝi esperas, ke vi revenu kun via infano."Apenaŭ mi demetis aŭdilon, mi ekiris kune kun mia infano.

La hejmo de mia onklino troviĝas en malgranda vilaĝo 30 kilometrojn malproksime de la urbeto. Pro longa veturado kaj multaj vizitantoj, mia onklino diris al mia patro, "Ĉinokte vi kaj viaj filo kaj nepo dormu sur la sama lito."La patro kaj mia infano iris dormi, dum mi kaj mia onkilno ankoraŭ babiladis pri hejmaj aferoj. Subite la onklino mirplene demandis, "Kutime via patro ronkas tondre, kial li faras nenian sonon ĉinokte?"

Mi respondis, "Eble li ankoraŭ ne endormiĝas."

En mia memoro, se la patro endormiĝas, li certe ronkas, plie kun tre laŭta sono. Kelktempe la patrino ridete diris al mi, "la ronksono de via patro povas timigi ŝteliston ĝis morto."

Dormiĝonte, mi iris katpaŝe en la ĉambron. La patro kuŝis sur la flanko kaj la infano profunde dormis kun la kapo apogita sur la brako de mia patro. Mi trovis, ke la patro estas multe pli malgrasa ol antaŭe. Subite la dormanta patro diris, "Dormu." Li ekmovis sian korpon. Mi demandis, "Ĉu vi ankoraŭ ne endormiĝis?"

Enlitiĝinte, mi zorgeme kuŝiĝis sen malbutonumado kaj provis ne tuŝi lian korpon. Jam pli ol dudek jarojn mi ne kuŝis kun la patro en la sama lito. Mi jam ne trovis la korvarmigan senton spertitan dum mia knabeco, kiam mi kuŝis kun gepatroj flank-ĉe-flanke. Ŝajnis, ke sternas nevidebla fosego inter mi kaj la patro. Tra la tuta nokto mi restis senparola. En mallumo mi malklare aŭdis la sonojn de liaj turniĝado, subvoĉa tusado kaj svingado de ventumilo el tifaaj folioj.



Ĉe tagiĝo, mi vekiĝis, dum la infano ankoraŭ dormis kun lana kovrilo sur la korpo. La patro jam ne troviĝis en la lito. Mi tuj ellitiĝis. En kuirejo, mi aŭdis mian onklinon demandi al mia patro, "Ĉu vi ne ronkas nun?"

Mia patro respondis, "Mi jam ŝanĝis mian kutimon."

"Mi vere ne povis fari alion ol lasi vin tri kune dormi en la sama lito lastnokte," ŝi diris.

"Kial vi diris tion ceremonie, franjo? Mi dormis tre komforte. Kaj krome, estas malfacile por ni tri kune dormi en la sama lito! Mi tre ĝojas pri tio."

Poste, mi demandis al mia patrino, "Ĉu mia patron ne plu ronkas?"

"Jes, same kiel antaŭe. Tuj kiam li endormiĝas, li tondre ekronkas," ridete diris mia patrino.

Aŭdinte tiujn vortojn, mi sentis ektremon

en la koro. Tra tiu nokto mia patro eĉ ne endormiĝis momenton. La senvoĉa patra amo estas neforgesebla por mi.

elĉinigis **Fangfang**

# Ĉineske

## Guozhu (Ĉinio)

### Ĝuo de Esperanto

**en la 2-a Lushan-Forumo de Esperanto**

—laŭ ĉinesko Faqu Xian Xianyin (Fea Ario)*

(2009-10-18)

Jen okazas
la Forumo
en aŭtuno ora.
en Tondilo-
kanjono de
Lushan mir-kolora.
Varme bonvenigas
fonto sonora.

Labora
raport' kun
spert' valora.
Diskuto
pri instru' fervora,
entuziasma
prelego
plen-adora,
montgrimpado,
ekskurso
bonhumora,
por ĉiuj restas
ĉiam karmemora.




aŭtoro (maldekstre) en forumo

** Faqu Xian Xianyin (Fea Ario ): ĉina fiksforma poemo el du strofoj respektive de 8 kaj 13 versoj de 446,446,65/ 3, 34, 36, 534, 434,56 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa / a,xa,xa,xxa,xxa,xa (x = senrima)*

## Cindy Mckee (Usono)

### Pri Vejdo

(dum 2009a naskiĝtago de Vejdo)

—laŭ ĉinesko Rumengling (kvazaŭsonĝe)[1]

Li masonas pene
ponton indiĝene
interliganta
Pasas nun senĝene
plene
plene
ci-torento ĉene

—laŭ ĉinesko Heyebei (Lotusfolia Taso)[2]

Ĉineska korbato
Frato
al into
Lanterno de Elerno
Kerno
de onto

(*into* kaj *onto* ne vere rimiĝas, sed la signifo estis nerezistebla)

*1 Rumengling: ĉina fiksforma poemo el 7 versoj de 6,6,56,2,2,6 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa,a,a,a. La kvina kaj sesa versoj estas samaj.*

*2 Heyebei: ĉina fiksforma poemo el 6 versoj de 6,2:3;7,2;3 silaboj, laŭ rimaranĝo aab,ccb*

## Vejdo (Ĉinio)

### Dankon al Cindy

—laŭ ĉinesko Suzhongqing*

dankon, fraŭlino kara
pro ordinara
via bondeziro
je tag' ĉijara

naskiĝa
transmara

senbara
poemeto
nin kunigas
ja najbara

**Suzhongqing: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 6 versoj respektive de 7,5,65 / 33,3,444 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,a,xxa (x=senrima)*

## Sero (Ĉinio)

### Amik' en Foro

—laŭ ĉinesko Siyuanren*
kie troviĝas mia
amiko en for'?
de dek jaroj
ĝis nun tenas
vin mi en memor'

paseo restas en kor'
renkontiĝa hor'
freŝas en menso
aĥ, vi kara
maljuna sinjor'

**Siyuanren (Sopiro al Fora Homo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvin versoj de 75, 445 / 7,5,545 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xa,xxa / a, a, xxa (x=senrima)*

## Helena Tylipska (Italujo)

### Sentitole

—laŭ ĉinesko Santaici*
Unu tagon, l'aŭtun'
tristas kaj plenploras
kaj alian, la sun'
l'aŭtunon rid-oras.

**Santaici (Tri Terasoj): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de ses silaboj kun krucrimo.*

### Vi Trikos de Lino

—laŭ ĉinesko Shanhuazi*
Vi trikos de lino
La plej blankan veston
Mi la lanon ŝpinos
Kaj faros la veŝton

Vesto por la knabin'
Ĵus enamiĝinta
La veŝto ŝirmos lin
Dum malvarmo vintra

Ŝi kaj li dancante
Iros tra la tero
Duete kantante
Rikoltos la stelojn.



**Shanhuazi (Monta floro): Ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 7,7,73 / 77,7,3 silaboj laŭ rimaranĝo a,a,xa / xa,a,a (x=senrima)*

## Sam (Ĉinio)

### Julia Nokto

—laŭ ĉinesko Busuanzi (aŭguristo)*
brillumas luno
en nokt' julia
ni kolektiĝas ronde
dum temp' feria

la nokt' pejzaĝo
ja poezia
fascinas ĉeestantojn
kun sent' ebria

**Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

### Eknoktiĝo

—laŭ ĉinesko Yexingchuan (nokta ŝipvojaĝo)*
sub bunta lum' neona
eksvarmas
la brusona

homa fluo
miksite kun
vokoj telefonaj

diverŝiĝas impona
lamplumo
kolordona
el domegoj
multfenestraj
kun griznigro fona

**Yexingchuan: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

## Eto (Ĉinio)

### Ŝia Rigardo

—laŭ ĉinesko Yanermei (ĉarma okulumo)*

ŝia ĉarma rigardo
de fajra ardo
mi renkontis
ĝin surstrate
je hazardo

mi certas pri ĝia mank'
en verka arto
de l' poeto
nek en kantad'
de la bardo

** ĉina fiksforma poemo el du strofoj de 5 versoj de 7,5, 444 / 75,444 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xxa / xa,xxa (x=senrima)*

## Lily (Ĉinio)

### Ne Printempas Ĉi Tie

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

ne printempas
jam ĉi tie
sen halucin'
li ja foriris
malproksimen
senkompate
forlasis min
en soleco
kiel hundon
mi trenas min kun obstin'
sur viv-vojo
firme kaj brave
kontraŭ l' destin'

ĉu li ja montras sin
malema
ludi kun kapklin'
inter du gamboj
suplaj miaj?
eble li nun
sur arda in'
kuŝas ventre
kun sia stang'
ene de ŝia vagin'
ve al mi—
lia uzita
povra putin'

**Qinyuanchun (Printempo en la Ĝardeno Qin): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 13 versoj de 444,5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimaranĝo xxa,xxxa,xxa,xxa / a,xa,xxxa,xxa,xxa (x = senrima)*

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_